ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO

NACIAJ ASOCIOJ, INTERNACIA LINGVO . . .
Eugène de Zilah ....................... 3
SOLVOJ el LG - 7 ....................... 5
LETEROJ de
Prof. Ivo Lapenna, S-ino Gemma Rassouw, D-ro Joseph Kondor, D-ro Wolfgang Gunther, S-ro Peter Zacho ....................... 6
La KRUCVORTENIGMO de Enko .. 9
REVUOJ recenzitaj de EdZ
– „Hungara Vivo"
– „Sennaciulo" ....................... 11
JUAN REGULO PEREZ en Homburg ....................... 12
KELKAJ VORTOJ PRI GRAZ de Klaus Perko ....................... 15
KIEN NI IROS?
– Jubilea Esperanto-Konferenco en Graz
– KCE en La Chaux-de-Fonds
– Printempa Semajno Internacia en Rastatt
– 6-a Sejna Esperanto-Rendevuo en Troyes ....................... 15
LA ŜAKPROBLEMO de Paskalo ....................... 15
EKU-KURZOJ ....................... 16
LA PROMESO DE MONDA PACO recenzita de EdZ ....................... 17
VESPERO JAM FARIĜIS agregaĵoj kaj robajoj de Rikardo Ŝulco legita de EdZ ....................... 18
ILI DIRIS . . . esperantigita de J.E. ....................... 20
RECENZO PRI POEZIO . . . SED PRETER LA POEZIO de Rikardo Ŝulco ....................... 21
JUNULINO SAVAS LA PRINCON el la libro elĉerpita „Luno de Izrael" verkita de Sir H. Ridder Haggard esperantigita de Edward S. Payson kaj Montagu C. Butler ....................... 22
LA SUBSTANTIVA VORTO de Jean Thierry ....................... 23
FIKOMERCO travivaĵoj de Edgar ....................... 24

**LA 19-AN DE JULIO 1987A, INAŬGURADO EN GRAZ, AŬSTRIO, DE LA JUBILEA MONUMENTO DE LA ESPERANTISTOJ**

**numero 8.** **2a de la 2a jaro** **31JAN87**

# PRI LA GAZETO


LA GAZETO
sessemajna kleriga periodaĵo de la
MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ
por disvolvigo de la esperantista kulturo

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Michèle Schwartz

Adreso de la redakcio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY

Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

Jarabono
6 sinsekvaj numeroj : 13 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
iam ajn
La Gazeto ne aperas dumsomere

Anoncoj
1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.5 ekuoj

Recenzoj
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj
al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ
ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

*PERANTOJ*

***Aŭstrio :*** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. – Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 190 ŝilingoj.*
***Britio :*** *Geoffrey KING, 228 Capworth Street, GB-London E10 7HL jarabono : 9.5 pundoj.*
***Bulgario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 6.3 levoj.*
***Ĉeĥoslovakio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 40 kronoj.*
***Danio :*** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. – Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 102 danaj kronoj.*
***Francio :*** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz – Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 90 francaj frankoj.*
***F.R. Germanio :*** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne – Konto n° 31 377 021 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 27 germanaj markoj.*
***Hispanio :*** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penedès (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 1800 pesetoj.*
***Hungario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 315 forintoj.*
***Italio :*** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 18800 liroj.*
***Jugoslavio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Duŝan ADNADJ, Ŝkolska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 3150 dinaroj.*
***Luksemburgio, Belgio :*** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. – Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 561 belgaj frankoj.*
***Norvegio :*** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 103 norvegaj kronoj.*
***Pollando :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1380 zlotoj.*
***Svedio :*** *Gösta PERSSON, Buntmarkaregatan 1, S-25248 Helsinborg. – Ĝirkonto : 434 1664-3; jarabono : 95 svedaj kronoj.*
***Svisio :*** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds – Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 23 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra **la abonhelpa fonduso** bv. skribi al LA GAZETO*
Aperdato de la venonta numero : 15MAR87

Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# NACIAJ ASOCIOJ, INTERNACIA LINGVO...



*Eugène de Zilah*

„Ni konfesas, ke kiom ajn ni rompis al ni la kapon, ni neniel povis kompreni, en kio nome konsistus la malfeliĉo por la homaro, se en unu bela tago montriĝus, ke ne ekzistas jam plu nacioj kaj lingvoj naciaj"*. – skribis Zamenhof. Kompreneble, legante tiaĵon ankaŭ mi provis elimagi tion, kio fariĝus, je tiu „bela tago", el Esperanto-movado strukturita laŭ naciaj asocioj esperantistaj. Kiajn utilon aŭ neceson havas naciaj asocioj por internacia lingvo? La elmeto de tia demando ne estas nova, nek misintenca. Sennacieca Asocio Tutmonda tiel timis la altrudiĝon de naciismoj al la Movado, ke ĝi simple forigis la landlimojn el sia geografio kaj indikas la loĝlokojn de siaj anoj per „hor-zonoj", tiel ke laponoj kaj bantuoj situas en sama „Horzonio". Ni provu klare vidi ĉefajn utilojn kaj danĝerojn de la kungrupigo de esperantistoj en naciajn asociojn!

Naciaj asocioj utilas unuavice sur kampoj, kie la uzo de etnolingvo estas nemalhavebla. Do ili estas necesaj por organizi kaj efektivigi la transdonadon de etnaj kulturaj valoraĵoj al la Esperanto-kulturo. Esperanto ja estas la kultura ejo de ĉiuj fluoj de la monda kulturo. Se Esperanto volas pluvivi, endas (kaj eble sufiĉas), ke ĉiuj kulturaj valoraĵoj necesigantaj lingvokonon estu alireblaj en Esperanto. La naciaj asocioj estas esence organizaĵoj, kiuj laboras pri ĉi tiu irigo de naciaj kulturaj valoraĵoj al Esperanto. Se en ilia laboro restas iom da fiera patriotismo, naiva ŝovinismo aŭ spuroj de naciismo, ĉi tio ne tro gravas, ĉar la negativaj faktoroj estos neŭtraligitaj de aliaj negativaj faktoroj elvenintaj el laborado de aliaj naciaj asocioj. La diverseco, riĉeco kaj bunteco de la internacia kulturo eĉ postulas, ke oni ne forigu la konfliktojn el inter la naciaj pensmanieroj. La toleremo ne estas la ignoro de la antitezoj, sed la sincera fortostreĉo alveni al sintezo. La naciaj asocioj rolas do esence en la plenumigo de tradukprogramoj, nome en la kunigo de financaj rimedoj. Sed ilia utilo ne haltas tie. Ili povas multe kaj bone helpi en la nacilingva informado pri Esperanto, en la organizado de ekzamenoj, staĝoj, kunvenoj, kiujn necesigas la ellernado de la internacia lingvo, en la eldonado de lernolibroj, vortaroj kaj terminaroj Esperantaj-etnolingvaj. Ne ĉiteme ni dubas pri la utileco de la naciaj asocioj.

Ofte la naciaj asocioj ne haltas tie, kie finiĝas ilia utileco. Ili volas regi la vivon de ĉiuj Esperanto-grupoj, kiuj hazarde troviĝas inter la landlimoj naciaj. Tiam ili malhelpas la kungrupiĝon de diverslandaj, diverslingvaj esperantistoj en klubon, grupon, teamon, kiujn tamen la geografia proksimeco postulas kaj la sana menso rekomendas. Ju pli multnombra estas la lingva deveno de klubanoj, des pli riĉa estas la kluba vivo. En bazaj grupoj plurnaciecaj, oni kutime ne „krokodilas", oni, pro respekto al aliaj grupanoj, ĉiam uzadas la internacian lingvon. Nu, ĉiuj kiuj jam gvidis grupon scias, ke la plej malfacila laboro estas forigi la nacilingvajn interŝanĝojn el la grupa vivo, kaj ke sen fari tion, la grupo neniam alvenas al facila kaj flua uzado de Esperanto. Ĉiuj landoj havas landlimojn, sekve ĉie estas esperantistoj proksimaj al landlimo kaj malproksimaj de la centro de la propra lando. La altrudiĝemaj naciaj asocioj emas perforte ligi la Esperanto-vivon de grupoj al la centro, ĝenerale al la ĉefurbo. La rezulto estas, ke grupoj ĉelimaj devas staĝumadi, kongresadi, diversmaniere renkontiĝi, post ducent aŭ tricentkilometra veturado en pure nacilingva medio, en pure nacia etoso, kvankam je dudek aŭ tridek kilometroj ekzistas Esperanto-grupoj alinaciaj kun kiuj la kungrupiĝo estus multe pli interesa.

Kompreneble la egoismo de samideanoj loĝantaj en la centroj de sufiĉe grandaj landoj obstaklas al reorganizado, post kiu ili ofte troviĝus ĉe la limoj de Esperanto-grupfederacioj. Ĉiuj bone komprenas, ke plej utilaj centroj de grupfederacioj estas punktoj ĉe la renkontiĝoj de landlimoj, se la trafikkondiĉoj permesas aliri ĉi tiujn punktojn. La plej granda utila areo de grupfederacio estas la surfaco de cirklo, kies radio estas duontaga veturado laŭ lokaj kondiĉoj.

Kiam Esperanto-grupfederacio fariĝas pli granda, la anoj ne plu povas regule renkontiĝi kaj nepre ekaperos burokrataj ĉikanoj, centralismo kaj hierarkio. Nu, la naciaj aŭ landaj asocioj estas ne nur unukulturaj, unulingvaj, sed aldone la teritorio,

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

super kiu ili regas estas multe pli granda, ol optimuma. La rekta demokratio inter grupoj ne povas pluekzisti, nek la egaleco inter la grupgvidantoj, kiuj tamen estas la motoroj de la movado. La aktivuloj en nia movado estas volontuloj idealismaj, sed kie estas volontulo por plenigi raportojn, raporti pri siaj agadoj, peti permesojn kaj perdi la valoran tempon limigitan, kiun li povas dediĉi al Esperanto? La burokratisma ekzisto de landaj asocioj haltigas tiam ĉiujn iniciatojn. La antaŭaj aktivuloj fariĝas senentuziasmaj aparatuloj, aŭ ili kabeiĝas, la movado perdas ilin. Ofte, en neliberalaj landoj, aldoniĝas la timo pri surlistiĝoj, ĉar se la ŝtato volas iam ekstermi esperantistojn, sufiĉos, ke ĝi utiligu la centraligitajn sliparojn, kiujn postenigitaj dungitoj ne havis la tempon, nek la rajton, ĝustatempe eldetrui. Tion jam spertis niaj Germaniaj kaj Sovetiaj samideanoj antaŭ kvindeko da jaroj. Se oni pensas pri tio, ke en ĉi tiuj landoj duono de la esperantistaro estis likvidita, oni eble komprenas la timon de samideanoj membriĝi en centraligitaj Esperanto-Asocioj. Restas nur la homoj, kiuj pro psiĥologiaj kialoj sukcesas valorigi sin dank' al iu aparata posteneto. Se mi ne eraras, la ekzisto de landaj asocioj, en ĉi tiu okazo, estas malutila al Esperanto.

Tamen la strukturo de unu el la Esperanto-organizaĵoj internaciaj, la Universala Esperanto-Asocio, favoras la landajn asociojn tiomgrade, ke la politiko de UEA praktike dependas de landaj asocioj. La landaj asocioj en liberalaj landoj estas kulturaj asocioj, kiuj ne dependas, almenaŭ ne dependas rekte, de naciŝtatoj. Sed kiam la ŝtatoj ne estas liberalaj, kiel ekzemple en Irano, Irako, Pollando aŭ aliloke, tiam la landa asocio fariĝas turisma aŭ propaganda agentaro de la ŝtata reĝimo. Tiam, se Esperanto estas permesita, la teoriistoj tuj havas ordonon demonstri, ke neniun ideologian kernon ĝi enhavas, ĉar en totalisma lando oni rajtas superordigi nenion super la ŝtatan ideologion. Do Esperanto en tia lando estas nur komunikilo senanima, sen solidariga rolo, sen intrinseka idearo, aŭ laŭ Zamenhofa eldiro, sen „interna ideo", kaj ĝi havas ekzistorajton nur se ĝi ne ĝenas la disvolviĝon de la ŝtata propagando. Ĉi tio kompreneble ne ĝenus, se apud la naciaj asocioj sklavigitaj al ŝtatoj, ekzistus aliaj, nedependaj, por konservi niajn kulturon kaj idealon, aŭ se gravaj internaciaj neregistaraj Esperanto-organizaĵoj ne estus kaperitaj de naciaj asocioj el neliberalaj landoj. Sed se ekzistas nur la movada strukturo bazita sur naciaj, landaj asocioj, ni neniel povas malhelpi unuflankan politikan propagandon, cenzuradojn, submetiĝojn de arta kaj intelekta laboroj al ideologiaj direktivoj. Ekzistas esperantistoj, kiuj opinias, ke ĉio ĉi estas akceptinda, ĉar Esperanto, almenaŭ kiel lingvo, ekzistos dank' al ŝtata subteno.

Ni ne samopinias. Se Esperanto perdus sian "internan ideon", ĝuste tion, kio distingas ĝin de ceteraj artefaritaj lingvoj, teknike same bonaj, ĝi sekvus en la forgeson ĉi tiujn lingvojn nure lingvajn. Esperanto vivas dank'al la Esperantistaro kiu vivtenas ĝin. Ĉiuj povas uzi ĝin laŭ siaj profitoj, sed nur la Esperantistoj rajtas determini la formojn kaj strukturojn de la Esperanto-movado. La homaro uzos Esperanton, se la Esperantistoj, per la kultura vivo de la Esperantistaro, kapablas pruvi, ke ĝi taŭgas al ĉiuj uzoj kaj permesas la aliron al ĉiuj kulturoj. Se oni reduktas la Movadon al hierarkiaj naciaj aparatoj eĉ partaj sukcesoj povus endanĝerigi la estontecon. Ni povas, ekzemple, imagi, ke iu ŝtato tre forte apogus Esperanton kaj transigus sian ŝtatan propagandon ĉefe per nia lingvo. La reago de aliaj ŝtatoj povus esti la laŭsistema kontraŭbatalado al Esperanto. Ili malasociigus la naciajn asociojn, malpermesus la informadon pri Esperanto kaj en unu generacio forsvenigus la rezultojn de 100-jara laboro. Ĉiuj, kiuj konas la historion de la Movado, scias, ke nia hipotezo ne estas arbitre elimagita.

La danĝero ne estas la ekzisto de landaj aŭ naciaj asocioj kaj kalumnias nin tiuj, kiuj diras, ke ni volas detrui ilin. Estus danĝero se, apud

**ABONHELPA FONDUSO**

por helpi niajn samideanojn el kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn. Ni dankas al :

| | | |
|---|---|---|
| S-ro MASALA | F | 1.50 EKs |
| S-ro FUCHS | D | 2.50 EKs |
| S-ro FAVRE | F | 2.50 EKs |
| S-ro RÖSSLER | D | 2.00 EKs |
| 1SF101401 | SF | 34.50 EKs |
| D-ino RUKAVINA | D | 96.00 EKs |
| D-ro VEDRINE | F | 24.00 EKs |
| D-ro BRODT | D | 12.50 EKs |
| S-ro JUIN | F | 15.00 EKs |
| F-ino LICZMANSKA | F/PL | 13.00 EKs |
| S-ro ROBERT | F | 13.00 EKs |
| S-ro LEMARCHAND | F | 13.00 EKs |
| S-ino BASCOU | F | 12.00 EKs |
| Centre Culturel d'Espéranto d'Avignon | F | 12.00 EKs |
| S-ino BETTMANN | D | 24.00 EKs |
| S-ro RIDDER | D | 12.00 EKs |
| S-ino CAYE | F | 15.00 EKs |
| D-ro TERWISGA | NL | 15.00 EKs |
| S-ro THIERRY | F | 22.50 EKs |

organizaĵoj, kiujn naciŝtatoj kontrol-regas aŭ povas, se ili tiel decidas, kontrol-regi, ne ekzistus aliaj strukturoj, kiuj eskapas ĉiujn naciŝtatajn regeblecojn. Necesas, ke la movado havu iun konscienco-centron, kie individua membraro povas rekte elmeti kaj pridiskuti ĉiujn problemojn de la esperantista kultura komunaĵo. Tia centro klopodas esti la INTERNACIA CENTRO DE LA NEŬTRALA ESPERANTO-MOVADO. La Internaciaj Konferencoj povas elmeti subforme de prelegoj kaj lekciaroj ĉiujn problemojn, kiuj nin zorgigas kaj la diskutado, kiu sekvadas la prelegojn permesas al ĉiuj Esperantistoj kontribui al la solvado de problemoj. La individuaj membroj de ICNEM kompreneble ne decidas pri la agadprogramoj de aliaj esperantistoj, sed la bona elkono de problemoj igas ilin pli efikaj en iliaj grupoj. La efikecoj de la grupoj estas cetere pligrandigitaj de la grupfederacioj, kiuj agadas solidarece en la MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ, kiu estas kvazaŭ parlamento de konfederaciaj grupoj egalrajtaj. La membroj de MFKA-grupoj rajtas aniĝi en ĉiuj Esperanto-organizaĵoj, laŭ ilia volo. Ni devus finfine kompreni, ke la Esperanto-organizaĵoj ne estas eklezioj aŭ politikaj partioj, sed kulturaj asocioj kun deklaritaj celoj, kaj ĉiu el ni rajtas aparteni al pluraj organizaĵoj sen esti mallojala al iu el ili, se iliajn celojn ni akceptas. Oni do povas kontribui al la komuna celo per tre diversaj agadoj en naciaj kaj fakaj asocioj, en UEA, en MEM, en SAT, en ICNEM, en MFKA kaj aliloke, sen celi la detruon de iu el ĉi tiuj organizaĵoj. Nur tiuj, kiuj volus sklavigi la Movadon al siaj propraj politikaj, religiaj kaj ekonomiaj celoj ne povas kaj ne volas ĉi tion kompreni. Kiam unu el niaj organizaĵoj ekeraras kaj endanĝerigas la Movadon, eĉ se ĝi faras tion bonfide, ni devas diri tion al ĉiuj esperantistoj, kaj oni ne devas legi malamon en kiu ajn en niaj atentigoj. Ne gajigas nin la malsukcesoj de landaj asocioj de UEA, ĉar ili estas niaj malsukcesoj! Sed kulpa estas homo, kiu vidas danĝeron kaj ne avertas siajn kunulojn. Oni malamas nin, ĉar ni kuraĝis diri, ke dek mezgrandaj kongresoj estas pli valoraj, ol ununura eĉ dekoble pli granda, sed kial oni ne montras al ni kie kuŝas nia eraro? Oni diras, ke ni estas "rabiaj hundoj", ĉar ni kuraĝas diri, ke de post la puĉo en Pola Esperanto-Asocio oni morale ne rajtas apogi jubilean kongreson en Varsovio. Sed niaj samideanoj en totalismaj landoj bone scias, ke nia "rabio" iom protektas iliajn landajn asociojn kontraŭ tro videblajn, tro drastajn, instrumentigajn ŝtatajn enmiksiĝojn. Diri, ke endas aldoni novajn strukturojn al la jam ekzistantaj, ne signifas, ke ni volas la morton de landaj asocioj aŭ de monda organizaĵo. Diri, ke landaj asocioj, kiel tiaj, ne devas determini la strategion de la tutmonda Movado, ne signifas, ke ili ne havas valorajn rolojn. Diri, ke naciaj asocioj transpasintaj siajn rolojn fariĝas danĝeraj por Esperanto, estas nia devo.

*Eugène de Zilah*

* *L. L. Zamenhof : Esenco kaj Estonteco de la Ideo de Lingvo Internacia, II-a eldono, H i r t, Leipzig 1929a, p. 281.*

## SOLVO DE "KVE-7"

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | F | A | T | A | M | O | R | G | A | N |
| 2 | O | R | A | T | O | R | A | ■ | B | A |
| 3 | T | A | L | E | R | ■ | ■ | L | A | T |
| 4 | O | R | A | N | O | ■ | F | A | T | A |
| 5 | S | A | R | A | ■ | C | ■ | B | I | L |
| 6 | I | T | ■ | ■ | K | I | R | A | S | I |
| 7 | N | O | K | T | U | ■ | I | R | ■ | T |
| 8 | T | ■ | L | I | L | A | K | ■ | F | A |
| 9 | E | K | O | L | O | G | I | ■ | E | T |
| 10 | Z | A | R | A | T | U | Ŝ | T | R | O |

## SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO „ŜPB-7"

1. rA4-G5; tA2-A3. 2. rG5-H6; tA3-A2. 3. rH6-G7; tA2-A3. 4. **rG7-G8(!)**;tA3-A-2. 5. rGB-F8; tA2-A3. 6. rF8-E7; tA3-A2. 7. rE7-D6; tA2-A3; 8. rD6-C5; tA3-A2. 9. rC5-B4; pA4-A3 (tA2-A3). 10. la blanka reĝo devas okupi nur nigran ĉelon (la blanka reĝo prenas la nigran turon); la kuriero G2 moviĝas. 11. tA2 x ĉF1 (mato!).

Gratulojn al la solvintoj de la krucvortenigmo "KVE-7":
s-ino G. Rassouw (F)
s-ro L. Persson (S)
s-ro G. Holz (D)



# LETEROJ

***Prof. Ivo Lapenna, (GB)***



*En la letero de S-ro Juan Navareño, publikigita en LG n-ro 7 de la 15-a de decembro 86, p. 5, estas dirite: „Mi sendis leteron al HORIZONTO por 'Lingva Angulo' favore al uzo de la prepozicio FAR /.../. Prof. Lapenna publikigis la leterojn, kiuj estas favoraj al lia ideo, sed la mia estis tabuita". En tiu sama letero estis menciitaj ankaŭ aliaj, al kiuj S-ro Navareno senrezulte sendis diversajn tekstojn, kaj li konkludas: „Mi ne povas kredi, ke tiaj personoj, kiuj amas la cenzuron kaj la tabuojn, dezirus la homan interkomunikadon".*

*Mi neniam ricevis la supre menciitan leteron. Eĉ se mi estus ricevinta ĝin, kiel redaktoro de „Lingva Angulo" de HORIZONTO mi verŝajne ne estus publikiginta tian artikolon, laŭ kiu FAR ne estas verba radiko, sed - prepozicio! Kiel plurfoje dirite en HORIZONTO, ĝia „Lingva Angulo" ne estas forumo por sterilaj rediskutoj de lingvaj demandoj solvitaj antaŭ pli ol duona jarcento, sed celas korekti la plej oftajn erarojn kaj instrui la lingvon konforme al la Fundamento de Esperanto al tiuj, kiuj pretas lerni. La aliaj nur plu persistu en siaj eraroj kaj risku miskomprenojn. En ĉiu okazo, mi ĉiam dankas pro bona kontribuaĵo aŭ ĝentile informas pri rifuzo, se oni agas laŭ la instrukcioj en HORIZONTO, sed, evidente, mi ne povas reagi je nericevita letero.*

*Intertempe la Akademio de Esperanto intervenis. Per sia decido de julio 1986 ĝi rekonstatis, ke, laŭ la 6-a Regulo de la Fundamento, post la pasivaj participoj (ita/ata/ota) oni indikas la aganton per DE: libro tradukita de Zamenhof; post substantivoj DE indikas la aganton, se ne ekzistas kia ajn ebleco de miskompreno: la projekto de la inĝenieroj (Fundamento), la kanto de la birdoj; en aliaj kazoj la plej ĝenerale akceptita formo estas FARE DE: la traduko de Hamleto fare de Zamenhof, dum la Jubilea Esperanto-Konferenco en Graz okazos ankaŭ grandaj akceptoj de la konferencanoj fare de la urbestro kaj landestro. Espereble, post tiu decido de la Akademio komplete malaperos por ĉiam tiu malfeliĉa FAR, kontraŭa al la Fundamento kaj al la spirito de Esperanto. Ĉu, do, ankaŭ la decido de la Akademio estas „tabuo"?*

*Rilate „cenzuradon" nur kelkajn vortojn tute principe: unu afero estas sufokadi la veron per cenzurado, kiel, ekzemple, faras UEA kaj ĝiaj satelitoj pri la politika puĉo en Pollando kaj pri multaj aliaj similkarakteraj okazaĵoj; tute alia afero estas la demokrataj rajto kaj devo de ĉiu respondeca redaktoro ne publikigi tekstojn kontraŭajn al la karaktero kaj al la deklaritaj celoj de la koncerna periodaĵo, aŭ komplete ekster tiuj celoj, aŭ enhave sub la necesa nivelo. Se ne estus tiel, la gazetoj kaj aliaj periodaĵoj redaktiĝus kaj estus nelegeblaj fuŝaĵoj, kio bedaŭrinde ja estas la kazo de la grandega plimulto de la Esperanto-gazetaro, kaj ne estus* **redaktataj**. *HORIZONTO estas redaktata kaj, laŭ ĝenerala opinio de la legantoj, tre bone redaktata.*

**LG :** Dankon pro via letero, kiu ne postulas respondon ĉar estas respondo al alia letero, kiu citis vian nomon.

***S-ino Gemma Rassouw, (F)***

*Estas por mi ĉiam agrable legi vian gazeton, kaj mi konstatas ke ankaŭ pluraj legantoj laŭdas ĝin. Via intervjuo de Sinjoro Giorgio Silfer tre interesis min ĉar mi havis la plezuron renkonti lin kaj lian edzinon dum „LITERATURA FOIRO" en Avinjono pasintan oktobron. Ĉu vi memoras la unuan leteron kiun mi sendis al vi? Mi aludis vian „neŭtralecon".*

*Tiam mi ankoraŭ havis dubojn, preskaŭ ĉiuj revuoj aŭ gazetoj asertas sin neŭtralaj... Jes... sed... (Oui... mais... — diras la francoj) ili fakte ne estas. Mi demandis al mi : „Kion alportos tiu nova gazeto? Ĉu vere neŭtrala ĝi povos esti?". Kaj ŝajnas ke, nun mi povas diri, ĝi estas neŭtrala sed ne inerta, ne hipokrita, ĝi estas viva kaj vivinda gazeto.*

*La krucenigmoj ankaŭ tre plaĉas al mi. Laŭ mi, tio estas kvazaŭ ekzerco kiu devigas nin rememori maloftajn vortojn kiel „fatamorgano" pri kiu mi iam legis en „Vagado sub palmoj" de J. Ribillard, sed kiu plej ofte estas anstataŭita de „miraĝo".*

**LG :** Ne estas facile gardi sian neŭtralecon en nia movado, kie kiam iu diras la veron tuj oni diras ke li estas malamiko. Kiam ni diras, ke iu organizaĵo farante ion eraras kaj malutilas al la movado, anstataŭ respondi per argumentoj montrantaj, ke fakte ni eraras, oni nur diras, ke ni estas „hurlantaj lupoj", „fiularo", „kliko", ktp, kio certe ne tro helpas por scii kiu pravas. Ni eble ankoraŭ ne estas sufiĉe maturaj por kompreni, ke nia movado ne estas la katolika eklezio kun sia unueca dogmaro kaj sia ununura profesia pastraro, nek sovetiisma lando kun sia ununura permesita partio, siaj disidentuloj kaj klasmalamikoj. La diversaj organizaĵoj agadas, pli malpli lerte, por Esperanto, kaj honesta esperantisto povas esti membro de pluraj el ili, sen pro tio fariĝi stulta sektano. Vi tion komprenis, pro tio via letero vere plukuraĝigas nin.

*D-ro Joseph Kondor, (D) : Nun mi havas la kompletan jarkolekton de LG (0-6/1986). Koran dankon pro la ĉiam riĉa enhavo!*
*Sed kial vi ne uzas vian grandan talenton por la bono de UEA? Se vi kaj viaj vere talentaj kunlaborantoj batalus komune, frate, man-en-mane, certe vi pli bone kontribuus al la Jubilea Jaro ol sur aparta vojo.*
*Nur pro tiu ĉi disidenta sinteno de LG kaj ne pro la stilo kaj abonprezo mi rezignas ne tro volonte pri la renovigo de abono. Mi petas vian pardonon! /.../*
*Pro la plezuro, kiun vi akiris al mi per la entute 7 n-roj de LG, mi esprimas al vi ĉimaniere mian plej koran dankon kaj rekonon! Esperante, ke post profunda pripensado vi rekonos la ĝustan vojon, sur kiu vi povus multe pli bone utiligi viajn vere brilajn talentojn, mi restas al vi kun sinceraj salutoj...*

**LG** : Dankon pro via ĝentila letero : via sinteno estas logika. Vi konceptas Esperanton kiel eklezion aŭ totalisman landon, kie la Leninisma principo de unupartiismo valoras. Ŝajnas al vi, ke la Partio de esperantistoj estas UEA, kaj tiuj, kiuj ne volas blinde akcepti ĉiujn ĝiajn farojn kaj dogmojn estas herezuloj aŭ „disidentoj". Nur en sovetiisma lando la „disidenta sinteno" estas krimo! Ni opinias, ke estas grandegaj diferencoj inter totalisma lando kaj la esperantista komunaĵo. Nome ni rajtas, kaj povas, utile kunlabori kun pluraj organizaĵoj celantaj la bonon de Esperanto sen fariĝi la „blinda ŝafaro" de iu el ili.





*D-ro Wolfgang Gunther, (D)*

*Fortaj politikaj vortoj el la plumo de la redaktoro! Vortoj, kiuj fakte reprezentas unu, la pli dekstran, politikan spektron. Vortoj, kiuj tamen provas pezige influi la konsciencon de la esperantistaj alipensuloj per ripeta aludo pri necese memkomprenebla honto. Kaj vortoj, kiuj laste post tiu pezigo petas pri mono. Laŭ ni vere ne mankas klareco en tiuj ĉi vortoj, des pli multe sekvindeco!*
*Via starpunkto de pli malpli absoluta mempravigo estas kontestebla pro teoriaj kaj praktikaj kialoj. Aparte en la praktiko decas precipe al la maldiskriminacia idearo de Esperantismo ne tiom absolutigi la propran ekzistokoncernan ideoĉenon, tial ke oni perdas la aktivajn kontaktojn al tiuj, kies idearon kaj sistemon oni konsideras profunde kontraŭhoma. Absolute grandiozan modelon donas ĉikoncerne samtempulo, la aŭstra juda poeto Erich Fried, ricevinto de la ĉijara C.-v.-Ossietzky-medalo. Li per vizitoj en la prizono daŭre kontaktas s-ron Kühnen, unu el la ĉefoj de la t.n. neonaziisma movado en Germanio, nun enkarcerigitan.*
*Do, toleremo kaj batalo kontraŭ neefektivigo de kaj malzorgado pri la Homaj Rajtoj estas pli multe afero de racio kaj intelekto ol de la koro kaj sentoj. La rekta konfrontado kun la kontraŭulo almenaŭ donas la ŝancon influi kaj paŝo-post-paŝe plibonigi la situacion propradirekten. Rezigni pro ofendo aŭ io simila povas plifortigi la propran fieron kaj memestimon, fakte ĝi fordonas ŝancon unikan por ambaŭ.*
*Pri la teoriaj aspektoj. Kompreneble ni konscias pri la situacio de la Homaj Rajtoj en oriento kaj okcidento, kaj ankaŭ en nordo kaj sudo. Difektigo de la Homaj Rajtoj estas kondamninda, ĉie en la mondo. Sed ĉu ne ankaŭ ĉe ni ekzistas disputo kaj interargumentado pri la ĝusta kaj estontinda interpreto kaj apliko de la Homaj Rajtoj? Ni ĉiuj en la okcidento estas pli malpli konsciaj atestuloj pri la daŭrigata mediodetrua tradicia interpretado de la ideo pri libereco en paco kaj paco en libereco. Kaj ni absolute ne akceptas senkritike la neplibonigeble vivonuligajn politikajn konceptojn de la t.n. okcidentaj demokratioj. Oni ne sumigu ĉiujn "okcidentajn" esperantistojn per tiaj tradiciaj etikedoj. Ekzistas por multaj el ni bonaj kialoj ne akcepti la "demokratian neniigon" de niaj vivofundamentoj. Pri la rilatoj inter Homaj Rajtoj, ekonomio kaj demokratio kaj vivodetruo oni abunde povus diskuti — kaj espereble ni faros tion sufiĉe en Varsovio! Ni do ne volas akcepti la sinplaĉemon kaj memkonfidon de praktike apenaŭ evolukapablaj samtempuloj ĉe ni. Iom pli da modesteco bone konvenas!*

# LETEROJ

*Kion, sekve, signifas la jubileo en Varsovio por ni? Certa estas la jena: Ni estos tiom samideanoj kaj turistoj tie kiom ĉie alilokе. Ni estos tiom samideanoj kaj turistoj kiom permesas al ni la de ni respondeceblaj konceptoj pri la vivo.*
*Ni iros al Pollando por evolui, (re)valorigi kaj realigi niajn konceptojn pri paco, Homaj Rajtoj kaj ekologio pere de la ĉikoncerne taŭgaj kaj efikaj ecoj kaj ebloj de la internacia lingvo. Ni certe kontrolos niajn fratiĝemajn impulsojn vidalvide la diferencoj inter la diversaj interpretoj de la fundamentaj entecoj. Kadre de la kongreso ni estos senrezerve la vivuloj de niaj ideo kaj idealoj, neniu dubu pri tio! Ni ĉiam kaj ĉie klopodos realigi la homon laŭ la biokibernetiko de ĉio viva; la homaj filozofioj kaj ideologioj estas certe duarangaj. Esperanto aŭ taŭgas laŭ la biokibernetikaj reguloj aŭ ĝi tute ne taŭgas! Esperanto kune kun la homo retrokuplados ĉe la estonto de la vivo sur tiu ĉi Planedo aŭ ĝi malaperos multe pli frue ol la homo mem. Tiu ĉi alpaŝo sendependigas nin de ĉiu politiko en la tradicia senco. Ni ne bezonas zorgi pri hipokriteco. La vero liberigos nin ankaŭ en Pollando.*
*Ĉu vi ekkonas la diferencon?*

LG : Via tre serioza letero meritus tre longan respondon subforme de metodologia aŭ de politikscienca traktaĵo, sed tio kompreneble ne eblas. Ni kontentiĝu pri la elmeto de diferencoj de perspektivo, aŭ eble nur de vortuzado, kiu oponigas nin. Por vi estas dekstrula politika pensmaniero opinii, ke la homaj rajtoj estas nemalhaveblaj, ke la sindikatoj de laboristoj estas necesaj, ke la policistaj subpremoj estas hontindaj, ke la politikaj murdoj estas krimoj, ke naciismoj, ŝtatismoj kaj imperialismoj estas forigendaj, ke la opinioj estas eldirendaj kaj, ke la submetiĝoj al totalismoj estas ne nur malkuraĝaj, sed taktike eraraj. Ni opinias, ke dekstrula pensmaniero estas akcepti la homon kiel sklavon de iu determinisma fato, ne kiel mastron sed kiel suferanton de sia historio. Sed ni supozu, ke ni eraras. Eĉ tiam ni ne komprenas kial en la Esperanto-Gazetaro nur esperantistoj komunismaj rajtus eldiri siajn verojn? Kial oni ne rajtus diri, ke oni opinias, ke tiu aŭ alia agado de Esperanto-organizaĵo estas mispaŝo? Kial, se ekzistas esperantistoj, kiuj opinias, ke post la deklaro de la demisiigita LKK de PEA, post la postenigo de komisaroj en la estraron de PEA, post la malinvito de SAT, UEA bone kaj juste faras iri kongresi Varsovion, aliaj esperantistoj ne rajtus opinii, ke estus provo de granda manko de politika matureco partopreni en tia kongreso, ke irante tien ni agus maljuste kaj malbone? Finfine, se oni flankenmetas la insultojn vulgarajn kaj la asertojn propagandajn, niaj argumentoj superas tiujn de sovetiistoj. Ne temas pri amo aŭ malamo al totalismaj reĝimoj (kompreneble ni ne amas ilin), sed pri solidareco interne de la Esperanto-movado. Ni neniam diris, ke oni ne devas kongresi en Budapeŝto aŭ en Pekino, sed nek en Budapeŝto, nek en Pekino politika submetiĝo tiom evidentiĝis.

Ni malkonsentas ankaŭ pri kompromisado : ni ne opinias, ke judo povas honore interrilati kun novnazio, nek ke tia interrilatado povas utili al iu, krom nazioj. Gandhi mem agnoskis, ke kontraŭ tiatipajn homojn oni rajtas kaj devas perforte agadi.
Poste vi parolas pri ekologio, sed ni ne bone komprenis kion vi volas diri. Se vi asertas, ke en totalismaj reĝimoj oni pli respektadas la vivomedion, ol en liberalaj landoj, tion ne konfirmas la atomcentralo en Ĉornobilo nek la stato de la Ĉeĥoslovakiaj arbaroj, sed ĉi tiujn problemojn vi pli bone konas ol ni.
Ŝajnas al ni, ke vi enfalas la kaptilojn de propaganda retoriko pri paco (kiu ne volas la pacon?) kaj pri la tielnomata „paca kunekzistado", kiu ne estas fakta paco, sed politika kondiĉaro pri prezoj de momenta malmilito. Ni esperas, ke ni ne komprenis vian aserton pri la volo „realigi homon laŭ la biokibernetiko", ĉar post via ekzemplo kompromisi kun nazioj, ni konfesas, ke tia propono vere timigas nin. Ni tamen publikigis vian leteron. Ĉu vi vere opinias, ke en la sovetiisma UEA-gazetaro oni publikigus la niajn?

*S-ro Peter Zacho, (DK)*



*Nur nun mi rimarkis la leteron de s-ro Woessink en LG numero 6 de la 31-a de oktobro. Laŭ mi li ripetas siajn konatajn mensogojn. Tia letero devus neniam aperi en periodaĵo verama kaj honesta kiel estas LG. La skribinto povus sen malfacilaĵoj publikigi siajn mensogojn en „Heroldo", kiu specialiĝis sin en falsado de faktoj, de mensogado, insultadoj kaj kalumnioj pri persono, kiu pli ol kiu ajn vivanta esperantisto laboris kaj daŭre laboras por Esperanto, kaj kiu konstruis la modernan, prestiĝan UEA.*
*Mi mem ĉeestis la skandalan kongreson en Hamburgo, kaj mi bone scias ĉiujn detalojn pri la komploto, kiu kondukis al la* ***politika*** *puĉo, tragedia ne por prof. Lapenna, sed por UEA, kiel tre klare montras la nuna mizera intelekta, etika kaj financa situacio de tiu organizaĵo. Tion scias perfekte ankaŭ s-ro Woessink, kiu pli ol aktive per fiaj cirkuleroj, leteroj kaj alimaniere partoprenis en la konspiro. Li scias, same bone kiel mi, ke prof. Lapenna ricevis plebiscitan apogon de la individua membraro, 84% de la voĉdonintoj. Woessink ankaŭ tion prisilentis. Liaj „statistikoj" por la voĉdonado por komitatanoj C en la Komitato pruvas precize la malon de tio, kion li volas pruvi : la sukceson de la komploto per anticipe organizita voĉdonado, kiel montrite en „Hamburgo en Retrospektivo."/.../*

**LG :** Ni eltranĉis la du lastajn alineojn el via letero, ĉar ili atakas homojn, anstataŭ kritiki ideojn aŭ agojn. Certe vi ne volus, ke la stilo de **LG** fariĝu sovetiisma, kaj ankaŭ ni ekparolu pri „hurlantaj lupoj", „reakciaj klikoj", „perfiduloj", „malpacemuloj", „porkoj", „klasmalamikoj" kaj aliaj sonoraĵoj, kiuj neniel prilumigas la realon.



## KRUCVORTENIGMO "KVE-8"

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | | | | | | | |
| 2 | | | | | | | ■ | | | |
| 3 | | | | ■ | | | ■ | | | |
| 4 | | | | | ■ | | | | ■ | |
| 5 | | | | | | ■ | ■ | | | |
| 6 | | ■ | | | | | | | | |
| 7 | | | | | ■ | | | | ■ | |
| 8 | | | | ■ | | | | | | |
| 9 | | | | | | | ■ | | | |
| 10 | | | | | | | | | | |

**HORIZONTALE:**

1 – Aŭtoro de „Ŝtupoj sen nomo". 2 – Diino de venĝo * Virina nomo. 3 – Elgrasaĵ' * Malagasio * Riveret'. 4 – Haŭta truet' * Infer' * Tuno. 5 – Vira nomo * Unubloki. 6 – Nitrogeno * Vortat'. 7 – Sanskrita aforismkolekt' * Hindia moner' * Kvina tono. 8 – Valora * Nekristaliĝinta. 9 – Maloftigo * Antaŭirig'. 10 – Grava elemento de ortodoksa preĝejo.

**VERTIKALE:**

1 – Antifon'. 2 – Ĉirkaŭ cicaĵ' * Ligas umbilikon kaj urinan vezikon (R). 3 – Inter Hispanio kaj Maroko. 4 – Monogramo de la tradukinto de „Eŭgeno Onegin" * Fordon' * Dolĉiga sufikso. 5 – Ornama herb' * Numeralo * Kapablec-elmontro. 6 – Celo de ĉiuj vojoj * Pitagora patruj'. 7 – Sulfuro * Rumanio * Femalo * Tajlando. 8 – Fruktograjnon envolvanta. 9 – Ŝatata de Horacio * Polonio * Ĉap' kun kvasto. 10 – Ŝatata de poetoj.

Tri solvintoj ricevos premiojn se ilia solvo alvenos antaŭ 15MAR87.

## La miraklo de la J-Jaro, la jaro de nia plena aĝo:







Kooperativo de
LITERATURA FOIRO
CP 33, CH-1211 Genève 8

**Literatura Foiro ekde 1987:**
**pli ofta laŭ apero**
**pli riĉa laŭ enhavo**
**modela laŭ grafiko**
**pli konvena laŭ prezo**

**Literatura Foiro: jam dek ok jaroj en la servo de la esperanto-kulturo**



**HUNGARA VIVO**, N-ro : 4/1986

– paĝo 122a : JUBILEAS PARTIO, redaktora artikolo sen subskribo. La revuo de Hungara Esperanto-Asocio (landa asocio de UEA, do laŭstatute „neŭtrala") publikas rimarkinde honestan artikolon pri la insurekcio de hungaraj laboristoj kaj studentoj en 1956a. La analizo estas evidente marksisma-sovetiisma kaj en la artikolo la herooj estas tiuj, kiuj invitis fremdan ŝtaton dispremi hungarajn kraniojn sub la raŭpoj de tankoj. Sed kiam temas pri la kaŭzoj de la insurekcio, la artikolo nombras ilin en jena vico: „1. La dogmisma politiko de la kliko de Ràkosi kaj Gerö; 2. La revizisma enpartia opozicio, gvidata de Imre Nagy kaj Géza Losonczy; 3. La kaŝe laborantaj enlandaj kontraŭrevoluciaj reakciaj fortoj. 4. La subfosa laboro de la internacia imperiismo, kies strategia celo estis malstabiligi la socialisman tendaron". Ĉi tio ja estas rimarkinde realisma analizo se oni kapablas legi la marksisman stilon, nome se oni scias, ke „internacia imperialismo" estas ĉiuj imperialismoj krom la Sovetia, „kontraŭrevoluciaj reakciaj fortoj" estas ĉiuj nesovetiismaj politikaj fortoj, entenantaj ĉirkaŭ 75%-n de la civitanoj, se ankoraŭ valoras la ciferoj de la lastaj preskaŭ liberaj balotadoj en Hungario, kaj reviziisto estas nomo de heretikulo en la marksismaj-sovetiismaj ŝtatreligioj. Kompreneble la artikolo neniun rilaton havas kun Esperanto kaj ĝi estas politika kaj propaganda. Tio ne ĝenas nin, ĉar ĉiuj iom valoraj revuoj de UEA havas la saman, politike klare difinitan starpunkton. Ni bone komprenas : UEA estas „neŭtrala", sed ne ĝiaj publikaĵoj. Kompreneble ĉio ĉi nenion eltiras el la legindeco de la menciita artikolo.

– paĝo 130a : MI RELEGIS „LA GRANDAN KALDRONON". Vilmos Benczik rakontas siajn tre amuzajn „vizajn aventurojn en tri Budapeŝtaj ambasadejoj". Mi aparte konsilas la legadon de la artikolo al tiuj francoj, kiuj ankoraŭ ne scias, ke „ŝovinismo" elvenas el la nomo de s-ro Chauvin, franca, heroa kaj bombastema soldato de la Revolucio (franca, evidente!). Mi memoras, ke la aŭtoro jam grumblis en alia artikolo kontraŭ la tro firman konvinkon de francoj, ke ilia lingvo estas dia beno al civilizuloj (tiuj, kiuj eldiras siajn pensojn en la franca, evidente!), kaj ilia emo perforte lernigi ĝin al ĉiuj homoj por la ĝenerala bonfarto de la homaro. La ĉi-rilatajn spertojn de Benczik grandskale konfirmas spertoj de polaj, ukrainaj, germanaj kaj aliaj Esperantistoj. Mi nur volus klarigi, ke la francoj ne agas tiel pro natura agresemo al fremduloj, sed pro sincera konvinko, ke ilia lingvo estas la plej valora trezoro de la homaro. Ili konscias pri sia bonŝanco paroli „grandan" lingvon, tio estas lingvon kies posedo liberigas de lernado de alia lingvo, ĉar ĝi posedas subforme de originalaj kaj tradukitaj kulturperloj ĉion, kion ili povas deziri. Ili estas tre bonkoraj kaj ili volus disdoni sian feliĉon al ĉiuj.
Koncerne la formularojn, ni elmetis la demandon al oficialuloj, kiuj respondis, ke la francaj konsulejoj utiligas en ĉiuj landoj la tradukon franclingvan de la formularoj, kiujn la koncernaj ŝtatoj postulas de francoj petantajn enirvizojn. Do, saĝa reciprokeco! Legante la humurplenan pledon de Benczik kontraŭ la cirkonstancojn, kiuj ne estas „INDAJ AL HOMO", kontraŭ atendadojn kaj plenigon de formularoj, mi ridetas, sed ne povas malhelpi min pensi pri maljuna franca turista paro, kiu atendis 7 horojn ĉe la Hungaria landlimo, pri franca kamionisto, kiu estis preskaŭ mortbatita de jugoslava polico, pri franca turisto, kies kruron oni kolbe frakasis ĉe la Irania landlimo, pri du usonaj turistoj, kiujn oni perkugle mortigis ĉe la sama landlimo, pri dekoj da mortintoj ĉe DDR-landlimo, pri centoj da senkulpaj turistoj en Boeing-aviadilo, fride murditaj ĉe la Sovetia landlimo, pri aliaj teruraĵoj per kiuj mi povus plenigi dekojn da paĝoj. Kaj la pledo de Benczik fariĝas kortuŝa por francoj. Li ankaŭ konas la sovaĝajn agadojn de la totalismaj aparatuloj kaj se li milde, humore riproĉadas al francoj sian sintenon, li nur eldiras sian admiron por ili. De civilizuloj li ne povas akcepti agojn malĝentilajn.

**SENNACIULO**, decembro 1986, paĝo 115a : LETERO DE OREST SAMIJLENKO. Rimarkinda kaj admirinda estas la honesteco de SENNACIULO, kiu publikadas leterojn de neSATanoj, eĉ kiam ili elmetas la plej tiklajn demandojn pri la baza SAT-ideologio, eĉ kiam leterskribanto nomas sin „ukraina naciisto". Legante la leteron tutpaĝan de tiu esperantisto, ni tuj komprenas, ke temas ĉe li pri iu aparta senco de la termino „naciisto". SARTRE diris en unu el siaj prelegoj en Brazilo, ke: „Ni, maljunaj Eŭropanoj, se ni volas resti amikoj de junaj naciismoj, ni devas retrovi nian tradicion de internaciismo, dume la subevoluintaj landoj kapablas grandiĝi nur asertante siajn proprajn naciismojn". La „subevoluintaj" landoj estas ankaŭ la subpremataj (aŭ antaŭe subpremitaj) landoj. Do ni bone komprenas kion volas diri la ukraino, restas tamen, ke li serioze elskuadas la ideon de „unu mondo, unu lingvo". Artikolo nepre legenda. Oni atendas interesan debaton inter legantoj de SENNACIULO. Vi povas aboni SENNACIULO-n, aŭ peti liston de ĝiaj perantoj, ĉe SAT, 67 avenue Gambetta, F-75020 Paris, Francio.

*E d Z*





# JUAN REGULO PEREZ EN HOMBURGO

Prof. d-ro Regulo Perez rakontis la historion de sia fama eldonejo STAFETO, sed ĉi tiu historio estas ankaŭ historio de lia longa vivo en la Esperanto-movado. Li renkontis la Lingvon, kiam li estis 18-jara, kaj li ekamis ĝin. „La vera patrujo de verkisto estas sia lingvo" li diras, kaj ripetas Wittgenstein-aĵon : „la limoj de nia lingvo estas la limoj de nia mondo". Li ne dubas, ke Lanti prave asertis, ke Esperanto estas revoluciilo. La profesoro estas fiera kaj ronde ĝentila homo, sed kiam iu elmetas dubojn pri la valoro de nia literaturo, lia rigardo ekŝtaliĝas kaj elpafiĝas el sub liaj brovoj, kvazaŭ ungegoj de Sher Khan, la tigro, en filmo de Walt Disney. Kaj ĉi tio ofte okazis dum ĉi tiu kunveno, kie kuntroviĝis bukedo da niaj famuloj, kiuj ne ĉiam estas flatemaj kaj teneraj. Nu, sciu, ke ĉeestis ĉi tiun kunvenon (evidente) la organizantoj : gesinjoroj Haupenthal, la preleganto : prof. Regulo Perez, la kursgvidantoj : s-ro Behrmann kaj p-ro Burckhardt, kaj inter la ĉeestantoj la maljuna majstro Gaston Waringhien, s-ro Roger Bernard (kiu tradukis „La Naŭzo"-n de Sartre), s-ro Torben Kehlet (La eldonisto), kaj kelkaj aliaj, kiuj jam kontribuis per kelkaj libroj aŭ gazetoj al nia afero. Kiam kunvenas tiom da tenoroj, oni ne ĉiam lasas la ponardojn en la vestejo. Ni rapide ellernis tion, kiam

**profesoro Waringhien rifuzis doni intervjuon al LA GAZETO,**

kiun li tamen promesis al ni la antaŭan tagon. Vere ni ĝojis sabatovespere, kiam la afabla majstro akceptis, ke ni vizitos lin en lia Pariza hejmo por fari fotojn kaj intervjuon kun li, por ke ni alproksimigu ĉi tiun altvaloran homon al nia legantaro, laŭ la principoj de niaj intervjuoj. Nu, niaj legantoj ne havos ĉi tiun intervjuon, nek la beletran historion de Esperanto, ĉar troviĝis homoj, kiuj konvinkis lin, ke li ne devas subteni per lia amata nomo LA GAZETO-n. Ni ridetus se ni ne emus plori! Iuj estus kontentaj ekscii, ke estas nia fato, ke homoj, kiujn ni pleje admiras, repeladas nin. Antaŭ kelkaj monatoj prof. Lapenna rifuzis doni intervjuon al ni preskaŭ en la samaj cirkonstancoj. Ĉio ĉi eble sekviĝas el la fortega moraleco de niaj famuloj. Laŭ prof. Regulo Perez

**niaj eldonistoj devas havi moralan kompetentecon.**

Vi certe imagas la diskutadon, kiu sekvis ĉi tiun tezon! Kio donas moralan kompetentecon? Ni restis en nebulo. Oni ne ĉiam povas eldiri tion, kion oni



*Prof. Juan Regulo Perez*



*Torben Kehlet*



*Roger Bernard*



*Hermann Behrmann*

tamen profunde kaj sincere pensas. En la komenco de la lekciaro kaj la diskutado aldone ĝenis nin la hispaneska prononcado de la profesoro. Li prononcas tiom malforte la komencajn kaj finajn „S"- literojn, ke mi ne aŭdis ilin. Tamen mi komprenis, ke li ligas la „moralan kompetentecon" al „homaranismo". („Homaranismo estas kvazaŭ eŭkaristio.Sed mi ne volas resti ĉe la dezira homaranismo, sed esti aktiva homaranisto, do mi fariĝis instruisto de Esperanto kaj eldonisto".)



*Hermann Behrmann kaj la komencantoj*

lumaniere oni devas esti „civila" esperantisto, tio estas, ke oni devas esti civitano de Esperantio, por havi la moralan kompetentecon. Ŝtate kaj politike regataj organizaĵoj neniam povas ĝin havi.
Oni devas fordoni sin al sia koro, ankaŭ al hazardo. La profesoro, amanto de la klasika kulturo citis Ciceron: „Vitam regit fortuna, nec sapientia". La fato alportis al li la unuan verkon, kiun li volis nepre eldoni, la „Sekretaj Sonetoj"-n de Peter Peneter. Eble la kutima legado en latina lingvo fortigis lin en sia konvinko, ke la esperantistoj estas „kultura etno", ĉar la kulturan komunaĵon kaj veran patrujon de verkisto determinas la lingvo, kiun li uzadas. Multe da verkistoj verkadas en lingvo, kiu estas nek ilia denaska, nek ilia etna aŭ nacia lingvo, tamen sentas sin aparteni al la kultura komunaĵo de sia verkolingvo. La verkistoj latinlingvaj de la Renesanco estis membroj de unu sama kultura komunaĵo, malgraŭ iliaj diversaj naciecoj. La kultura komunaĵo konsistas el lingvo, ideologio kaj institucioj, la restaĵo estas etnologiaj kaj ne literaturaj aferoj. La juda popolo travadis 2000 jarojn per ĉi tiuj nuraj 3 faktoroj. „Kiam mi komprenis tion, por mi E-o jam venkis" - diris la profesoro.
Ni tamen ekvidis la orelpinton de la „morala kompetenteco" en diskuto, preskaŭ disputo, kiu ekestis pri nepublikita libro, iom erotika (aŭ pornografia) de Kalocsay, kiun zorge gardas profesoro Regulo Perez, ĝis kiam iu Sigfrido ne elŝiros ĝin el liaj manoj. Ŝajne la aŭtoro sendis la manuskripton al li ne dezirante esti publikigita. Ni ne dubas pri la vereco de la eldiroj de la profesoro, konfirmitaj de majstro Waringhien, eĉ se ni dubas pri la ebleco de tio, ke aŭtoro sendas manuskripton kies publikigon li almenaŭ subkonscie ne deziras. Kalocsay iel valorigis ĉi tiun verkon, se li sendis ĝin al siaj amikoj, sed li certe ne volis perforti la amikecon de la eldonisto, kaj eble li esperis, ke la eldonisto mem insistos por la publikado.
La originala literaturo ne forigis la problemojn pri la tradukaĵoj, des pli ke en Esperanto bona tradukisto estas honorigita same kiel li estus originala verkisto. Iuj volis eble tro valorigi la originalajn verkojn, sed Enko, kiu ankaŭ ĉeestis, precize kaj konvinke klarigis, ke en totalismaj landoj, kie oni ne rajtas eldoni siajn proprajn pensaĵojn, oni de ĉiam uzas la tradukaĵojn por sinesprimi tra klasikaj aŭ fremdaj aŭtoroj famaj. Ni eksciis, ke profesoro Regulo Perez preskaŭ kabeiĝis du foje en sia vivo: unuafoje pro hipokritaj, maldankemaj esperantistoj, duafoje post la Hamburgaj Eventoj en 1974a, kiam sovetiismaj landasocioj kaperis UEA-n. Sed „mi ne forkabeiĝis de Esperanto, ĉar mi ne povas fari aliel ol ĝin ami".



*E. de Zilah, J. Regulo Perez kaj G. Waringhien*

## KIEN NI IROS ?

**JUBILEA ESPERANTO-KONFERENCO EN GRAZ (A), de la 18a de julio ĝis la 25a de julio 1987a.** La plej elstara aranĝo de la jubilea jaro kun ege ambicia programo. La ĉeftemon de la konferenco pritraktos dekduo da lekciistoj priskribontaj la atingaĵojn de nia kulturo dum pasintaj cent jaroj. La ĉeestontoj povos konscie ekkoni kio jam estas farita, kio estas farota, kio estas farenda.
Sed ne ĉiuj amas la ege seriozajn lekciojn. Ankaŭ ne ĉiuj regas Esperanton jam sufiĉe bone por kompreni ilin. La JEK estas por **ĉiuj Esperantistoj, „ĝi ne estas aranĝo de ICNEM, nek de UEA, nek de SAT, nek de kiu ajn alia Esperanto organizaĵo"**, sekve ĝi ne estas ankaŭ memforesto kaj esprimebleco por komencantoj kaj progresantoj, junuloj kaj maljunuloj. Okazos do paralela programo por ili. Rektmetodaj kursoj por lerni aŭ perfektigi sian Esperanton, turismaj kaj kulturaj aranĝoj, renkontiĝoj de redakcioj kun siaj legantoj, ktp...
**Duonkotizoj por konferencanoj el Orienta Eŭropo, el evolulandoj kaj por ĉiuj rifuĝintoj.** Aliĝkotizoj : por konferencano 800 As (=55 ekuoj), por paro 1400 As (=94 ekuoj), por junulo 600 As (=39 ekuoj). Informu vin ĉe : JEK, d-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 GRAZ, Aŭstrio.

## KELKAJ VORTOJ PRI GRAZ

Kun siaj proksimume 250.000 enloĝantoj Graz estas la dua urbo de Aŭstrio laŭ grandeco. Ĝi estas la kultura kaj ekonomia centro de la sudorienta parto de la Respubliko Aŭstrio. La urbo posedas la plej ampleksan konservitan malnovan kvartalon de meza Eŭropo kaj ravas siajn vizitantojn per sudlanda ĉarmo.

Graz situas ĉe orienta rando de la Alpoj, je la bordo de la rivero Mur. En ĝia mezo troviĝas kastelmonto, kiu iam portis grandan fortikaĵon. Ankoraŭ hodiaŭ estas konservitaj la Horloĝturo kaj la Sonorilturo, ekkoniloj de la urbo. Nun la monteto estas tute kovrita de arbaro kaj parkoj.

La teritorio de la nuna urbo jam en la plej nova ŝtonepoko estis maldense loĝata. Post la romia tempo la slovenoj konstruis fortikaĵojn sur pluraj altaĵoj, i.a. sur la kastelmonto, kiun ili nomis „gradec", de kio devenas la nuna nomo de la urbo. La unua dokumentita mencio de Graz devenas el la jaroj 1115. En la jaroj 1379 ĝis 1463 kaj 1564 ĝis 1619 Graz estis rezidejo de unu el la Habsburgaj familiaj linioj, kio tre pligrandigis la signifon de la urbo kaj rezultigis ĉiam pli grandan kreskon. Per la agado de italaj arĥitektoj Graz fariĝis elradianta centro de la renesanco en Aŭstrio. En la dua duono de la 17-a jarcento komenciĝis la renovigo de la urbo laŭ la baroka stilo, en la 19-a jarcento sekvis pliampleksigo de la urbo en klasikisma stilo.

Post la dua mondmilito kaj la liberigo de Aŭstrio en 1945 Graz evoluis iom post iom al internacia kongresurbo. Dufoje en la jaro okazas granda internacia foiro. Graz havas du teatrojn, keloteatron, konferencan centron kaj plurajn muzeojn, inter ili la Landan Arsenalon, kiu entenas preskaŭ komplete konservitan armilaron el la tempo de la turkomilitoj. La urbo estas sidejo de tri altlernejoj : Universitato, Teknika Universitato kaj Altlernejo por Muziko kaj Drama Arto.

*Klaus Perko*

ŜAKPROBLEMO „ŜPB-8" DE PASKALO

Situacio de la blankularo : Reĝo=B5; Damo=D7; Turoj=G5, H4; Kuriero=H1; Ĉevaloj=H3, H7; Peonoj=B3, B4, C3, D2, F2.
Situacio de la nigrularo : Reĝo=E5; Kurieroj=D8, F5; Ĉevalo=E7; Peonoj=B6, C4, D5, G6, G4, H2, H5.
La blankuloj ekludas kaj matigas post du paŝoj. Tri el la solvintoj ricevos premion, se ilia solvo alvenos antaŭ 15MAR87.





*La Chaux-de-Fonds : Unu el la sep domoj de KCE*

**65-a GERMANA ESPERANTO - KONGRESO** en **RASTATT (D), 17-24APR87.** Inter Rejno kaj norda Nigra Arbaro, en art-urbo baroka nature kreskinta kun tipaj trajtoj. Historiaj vidindaĵoj kaj butikumado tre interesa.
Dum la tuta semajno la distra programo antaŭvidas junularan programon, urbesploran ludon, vizitojn kun gvidantoj, migradojn en Nigra Arbaro kaj al Rejnbordo kaj teatran vesperon. La 21an, 22an kaj 23an de aprilo okazos postkongresaj kurso por infanoj, konversacia kurso kaj priliteratura kurso. Por lekcii en ĉi lasta la organizantoj petis la kunlaboradon de d-ro Eugène de Zilah (F), kiu principe akceptis, sed ŝajne iuj en la estraro de GEA volas malhelpi lian kontribuadon.
La aranĝo okazos en la dioceza domo Sankta Bernardo, An der Ludwigsfeste 50, D-7550 Rastatt. Aliĝoj ĉe Michael Herrmann, Ostlandstr. 6, D-7231 HARDT. Prezoj antaŭ 28FEB87 : aliĝkotizoj inter 10 kaj 40 ekuoj, semajnokostoj inter 110 kaj 135 ekuoj. (Unu ekuo valoras ĉ. 2 Ds.).

**SOCIETO YVONNE MARTINOT**, Franca Filio de LITERATURA FOIRO - Koop, organizas inter 3-6APR87 la „6-an Sejnan Esperanto-Rendevuon" en Mesnil-Saint-Père, 20 km de Troyes. Dum la aranĝo i.a. okazos prelego de S-ro Walter Zelazny : VIVO DE ZAMENHOF. Detalajn informojn pri la aranĝo kaj ties prezoj petu ĉe : Societo Yvonne Martinot, Suzanne Bourot, 15 B, rue Morel--Payen, F - 10000 TROYES.

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA**, adreso : Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 La CHAUX--DE-FONDS (Svisio). Sorĉa pejzaĝo de Ĵurasaj montoj kaj svisa perfekteco de komforto.
- Esperanto-staĝoj por komencantoj kaj progresantoj : 16-21FEB87, 23-28MAR87, 20-25APR87. Prezoj inter 207 kaj 258 ekuoj entute.
- Seminarioj de INTERNACIA FERIA ALTLERNEJO (IFA) :
  - 16-21FEB87 : OKCIDENTA KAJ ORIENTA PENSMANIEROJ, instruos d-ro Eugène de Zilah. Prezoj inter 207 kaj 258 ekuoj entute.
  - 13-18APR87 : INTENSIVA PRETIĜO AL TRAPASO DE ESPERANTO EKZAMENOJ, instruos Claude Gacond. Prezo inter 207 kaj 285 ekuoj entute.
  - 18-20APR87 : LA MONTARO ĴURASO EKPRINTEMPE, kultura-turisma semajnfino gvidota de Claude Gacond. Prezoj inter 73 kaj 94 ekuoj entute.




*La kongresejo en Rastatt*

*1 EKUO VALORIS JE 12JAN87*

| | | |
|---|---|---|
| 14.565 As | 6.891 Fs | 2.338 NLs |
| 1.617 AUSs | 0.730 GBs | 156.341 Ps |
| 43.118 Bs | 148.237 GRs | 211.997 PLs |
| 0.967 BGs | 48.992 Hs | 7.274 Ss |
| 1.473 CDNs | 1449.090 Is | 5.124 SFs |
| 1.742 CHs | 1.588 ILs | 0.713 SUs |
| 6.172 CSs | 43.054 ISs | 344.561 TGs |
| 2.070 Ds | 169.812 Js | 0.887 TNs |
| 7.852 DKs | 43.118 Ls | 812.070 TRs |
| 4.970 DZs | 9.242 MAs | 1.073 USAs |
| 141.420 Es | 7.918 Ns | 485.842 YUs |

## RECENZO

### LA PROMESO DE MONDA PACO

Bela, zorge presita broŝuro 26-paĝa, eldonita de Bahaa Monda Centro en 1985a, kiun vi povas senpage ekhavi se vi skribas al : Bahaa Esperanto-Ligo, B.P. 60, L-4451 Belvaux, Luksemburgio.

Nu vi certe ne perdos la prezon de via poŝtmarko, ĉar la teksto de ĉi tiu broŝuro estas rimarkinda pro pluraj kialoj, eĉ por ne-Bahaanoj. Post priskribo de la malordo de la nuna mondo kaj la senefikeco de la ekzistantaj sciencoj kaj ideologioj por pacigi la homaron, la „Universala Domo de Justeco" asertas, ke la Paco alvenas, ĉar ĝi fariĝis objektiva neceso, sed dependas de la homoj mem ĉu ĝi alvenos post teruraj eventoj, aŭ pro libera, konscia, homa agado.

La Bahaanoj supozas la ekziston de homa naturo plibonigebla per religiaj rimedoj, kaj por ili la nuna konfuzo elvenas „el la artefaritaj bariloj starigitaj inter kredo kaj racio, scienco kaj religio". Se ni akceptas ilian esencisman perspektivon, la diferenco inter vera religio kaj „kvazaŭreligioj", tio estas ideologioj, kiuj emas „diecigi la ŝtaton, submeti la tutan homaron al unu nacio, raso aŭ klaso", estas klara. Vera religio povus solvi la problemon, ĝi povus starigi „novan ordon". La „Nova Ordo" estas por multaj el ni iom timiga esprimo, sed por la Bahaanoj ĝi ne havas la perforteman sencon, kion ni abomenas. Ili forĵetas ĉiujn materialismajn dogmojn, la kapitalismajn samkiel la socialismajn, kaj kredas pri la ĉiopoveco de la homa racio bazita sur la Dia „senfina amo". „La proskribo de atomaj armiloj, la malpermeso de aplikado de venena gaso aŭ interdikto de bakteria milito ne forigos la fundamentajn kaŭzojn de milito. /.../ La homoj estas sufiĉe inventemaj en la elpensado de novaj militformoj kaj en la utiligo de nutraĵoj, krudmaterialo, financoj, industrifortoj, ideologio kaj terorismo por renversi unu la alian en senfina strebo al supereco kaj povo". Por solvi la problemojn „universala kadro devas esti akceptita". Ĉi tiu universala kadro ne irus tra la egaligo de ĉiuj diferencoj, sed tra la kunlaborado de la diversaj homgrupoj. Sed eble ĉi tie estas truo en la belega programo: ni ne vidas kiaj fortoj devigos la etnojn, naciojn, imperiojn, kvazaŭreligiajn totalismojn faŝismajn kaj komunismajn kaj ĉiujn aliajn dogmajn ideologiojn harmoniiĝi. La ĉefajn plagojn de la homaro la broŝuro bone priskribas kaj ŝajnas al ni, ke ilia sinsekvo listiĝas laŭgraveco en ĝi: klasbatalaj materiismoj, rasismoj, troa ekonomia malegaleco, naciismoj, religiaj maltoleremoj, subpremo de virinoj, manko de edukado, manko de interkomunikado. Ilia forigado simple per „neskuebla konscio pri la unueco de la homaro" povas ŝajni iom utopia. Tamen la vero-batalo ("satyagraha") de Gandhi ŝajnis ankaŭ utopia, ĝi tamen sendependigis Hindion. Eble la Bahaa kredo en persona Dio, kaj la interveno de ĉi tiu Dio, „Kiu en Sia senfina amo kreis la homaron", povus ŝtopi la truon, kiun lasas faŭki la racialisma scienca rezonado de la homsciencoj. Ĉiumaniere la celo valoras la elspertadon, kaj ni retrovas „veton de Pascal": se la Bahaa solvo estas nur utopio, ĝi tamen malutilas al neniu, se ĝi estas reala vojo al pli alta homa vivo, ni gajnis nian paradizon prispertante ĝin.

*E d Z*





# VESPERO JAM FARIĜIS
## agregaĵoj kaj robajoj de Rikardo Ŝulco



Aliaj jam parolis pri la robajoj de Ŝulco. Ankaŭ mi volus paroli pri ili, sed naŭzigas min diskutadi pri rimoj aŭ metriko. Mi nenion konas en „metrikologio", eĉ ne la veran nomon de ĉi tiu fako. Kaj kiam paroli signifas skribi, mi estas ankoraŭ pli kripla, ĉar robajojn oni priparolas eldirante ilin milfoje kaj milmaniere. Ne, mi preferas paroli pri la strangaj desegnaĵoj, kiujn Ŝulco nomas „agregaĵoj", kiujn li honorigas en la subtitolo per la unua loko, kaj kiuj similas al legomostrukturoj de Arcimboldo, sed en kiuj legomojn anstataŭas homaĵoj. Homaĵoj ne-omaĝaj al la homa viando, Ŝulco ne estas kanibalo! Aĵoj simbole-horore homaj : kapoj, facioj, buŝoj, okuloj, domoj, tranĉiloj ...aĵoj, faciaĵoj, kapaĵoj. Ĉiu agregaĵo havas limojn de pentrista paletro, kies truo estas malgranda izolita aĵo : la kodnomo, la kontraŭmetebla polekso, reflekta konscio de la agregaĵo, la memoraĵo de la antaŭa tago, kiu permesas aliri la ŝtofon de sonĝoj, se ni devas Freŭdaĵojn kredi. Kiam ni estas en la agregaĵo, ni rajtas uzi ĉiujn rimedojn de la „Sonĝinterpretado", eĉ sciante, ke se „vivo estas sonĝo", sonĝo estas dia facio de la Realo. La sonĝoj mensoge diras, ke ili mensogadas. Sed kiel eniri ilin? Ĉu oni rajtas eniri ilin? Sonĝo abstrakta ne ekzistas : sonĝo estas sonĝo de homo, kaj homo estas iu homo. Se la agregaĵoj estas kristaligitaj sonĝoj, enirante ilin mi enirus la subkonscion de la artisto, ilia aŭtoro, kaj mi ne povas eniri ilin sen travadi la mian. Vi jam aŭdis paroli pri la „transigado psiĥoanaliza", ĉu ne? Ne diru, ke fakte mi povas diri ion ajn! La frazoj de kritikisto estas kiel „fraktaloj", tiuj strangaj matematikaj estaĵoj inter ordo kaj ĥaoso, ĉie difinitaj per stokastaĵoj, kaj kiuj tamen precize karakterizas ion malprecizan. Mi povas diri infiniton da frazoj pri ĉi tiu agregaĵo antaŭ miaj okuloj, sed mi ne povas diri ajnajn frazojn. Al ĉi tiu agregaĵo rilatas infinito da vortagregaĵoj, sed el unu nura serio, kiel al unu triangulo rilatas senfina serio de homotetiaĵoj, kiuj ĉiuj estas trianguloj.

Mi rigardas la agregaĵon apud la robajo 124a („Ni ĉiam penas agi / laŭ la utileco".) Ĝia signo, kiel literopo komencanta unuan verson de Korana surato*, „kies sencon nur Alaho konas", estas nigre vestita funebrantino, eble Mediteraneanino, kiu funebras nur sian propran vivon. Judino? La sespinta David-stelo, kiu tamen ekzistas ankaŭ en Hindio, sur vizaĝo proksima al Napoleone kapvestita Hitlerfacio, sugestas almenaŭ tion.



Cetere, se ni eniras la agregaĵon tra ĝia naturŝajna pordo, ĉe la paro de gamboj, elmontriĝas judaspekta kvartalo, kiun osmanlia minareto ne



sukcesas islamigi, ĝi tro similas al pentraĵo de Beckmann („Sinagogo-1919a"). La altaj kalkanumoj,



Max Beckmann, La Sinagogo, 1919

la pavimo, la nudaj inaĵoj maldekstre kaj la profilo de semita belulino tro aludas Germanion ĵus antaŭnazian, kun ia Brechta putineska etoso. La funebrantino, kies sencon nur Dio konas, rilatas al ŝtala piliero, kiel ĉerko al simila feraĵo en „La Striko-1931a" de Radziwill, kaj same orientiĝas



Franz Radziwill, La Striko, 1931

mian imagon. Cetere super la tuta agregaĵo ŝvebas la ombroj de Max Beckmann kaj de Otto Dix. Almenaŭ mi sentas tiel. Kaj se la nordon de la agregaĵo okupas vere la facio de Proust, — sub tiu de pelikano, kiu nutras siajn idojn per sia sango — mi ne tro eraras. Proust estas ideala kontraŭ-



ekzemplo al la teorio, kiu faris el kaskokrestaj arjoj kun blondaj harplektaĵoj (kiel tiuj de la knabinoj germanaj de Wissel en, ekzemple, la „Kalenberga familio - 1939a") ĝermanojn kaj dissemantojn de ĉiuj civilizoj. Ĉiumaniere la glavopiko, kiu atingas la vizaĝon de Rosa Luxemburg,



apud la kompatinda vizaĝeto de Anna Franck, venas de la „bela blonda brutulo", kiun ne nur Nietzsche lokigis en la nordokcidentan angulon. Se arjoj ekzistis en la Nordokcidento, en la Orientnordo certe ekzistas samojedoj, teruraj ŝamanoj, kiuj certe estas parencoj de Groenlandaj aŭ de Meksikiaj mumioj kun Gadafi-facioj, kies specimenon mi vidas super la kapo de iu petrolprodukt-isto, por kiu la ŝtalpiliero fariĝas borilturo, rest-



# NI RIDETU

ante portanto de nevideblaj pikodratoj elektrizitaj. Laŭlonge de la ŝtalpiliero mia rigardo revenas al la enirejo, tra kvartalo de mezepokeska, mez-Eŭropeska, urbo sufokita per la ombro de sia dutura katedralo. Mi ne plu volas vidi la kamel-krurojn, la aligator-faŭkon, eĉ ne la ombrelon (de Chamberlain?), kiu tiklas la nazon de Hitler. Mi estas tro laca por cerbumi pri la simbolaj rilatoj, kiuj povas interligi la simbolojn duope, triope, kvarope. Se vi opinias, ke estus pli facile peti la artiston ekspliki al ni, kion ĉio ĉi signifas, ne forgesu la respondon de majstro Kandinsky al simila demando: „Sinjorino, se mi povus ekspliki ĝin, mi estus verkinta novelon, anstataŭ fari pentraĵon". Do, ni eliru ĉe la subskribaĵo „1971/RS", kaj agnosku, ke ununura agregaĵo inspiras pli da pensoj, ol povas enteni LG. Ŝulco diras en la „Antaŭrimarkoj", ke la kontemplanto ne bezonas „kompreni" la „Kosmogenezajn Agregaĵojn", sufiĉas ke „li rigardu ilin". Sed, ve, la homoj ne scipovas rigardi, ili bezonas la ekzemplon de aliula rigardo. Pro tio mi aŭdacis elmeti kelkajn ideojn, fumaĵojn de mia rigardado de ununura agregaĵo, kiun mi ne elektis, ĝi simple estis sur la paĝo, kie mi haltis dum la tria ellegado de ĉi tiu libreto, kiu restis dum kvar monatoj sur mia labortablo. Ĝi restos tie ankoraŭ dum kelkaj aldonaj, ĉar la Ŝulcaj agregaĵoj spronadas mian imagon. Ĉinoj diradas, ke kiam iu perfingre montras la lunon, stultuloj rigardas lian fingron. Sartre skribis, ke la konscio „estas tio, kio ĝi ne estas, kaj samtempe ne estas tio, kio ĝi estas". Prave! Tutsame la nomoj, kiujn mi donis al nigraj liniaroj sur blanka papero, rilatas al ili ne rilatante, aŭ ne rilatas al ili rilatante. Mi bedaŭras se mi ne estas tute klara, sed ne mi kreis la estetikan konscion. Se iu kolere diros al mi, ke la facio de Hitler estas tiu de Bormann, aŭ la facio de Anna Franck, tiu de la Sankta Virgulino, mi ne ekdiskutos, mi agnoskos, ke li pravas. *E d Z*

* *ĉapitro de „La Nobla Korano".*

---

## ILI DIRIS...

Dio saĝe agis metinte la naskiĝon antaŭ la morton: sen tio, kion oni scius pri la vivo? *A. Allais*

La homo estas plena je malperfektaĵoj, sed oni devas montriĝi indulgema se oni pensas pri la primitiveco de la epoko, kiam li estis kreita. *A. Allais*

La amo estas ĉi tiu mirinda bonŝanco, ke iu alia amas vin ankoraŭ tiam, kiam vi ne plu kapablas ami vin mem. *J. Guehenno*

En Francio ni havas 300 saŭcojn kaj 3 religiojn. En Anglio ili havas 3 saŭcojn kaj 300 religiojn. *Talleyrand*

Nebulas sur la tuta Anglio, la kontinento estas izolita. *Titolo el angla ĵurnalo*

En la vivo oni devas fidi nur pri si mem...kaj eĉ pri tio ne multe. *T. Bernard*

Oni pruntedonadas nur al riĉuloj. Kaj oni pravas: la malriĉuloj repagadas tro malfacile. *T. Bernard*

Militista justeco estas al justeco, kiel militista muziko al muziko. *Clemenceau*

La plej bona momento de la amo estas tiu, dum kiu oni alsupras la ŝtuparon. *Clemenceau*

Donaci kun sinmontremo ne estas tre bele, sed nenion doni diskrete estas apenaŭ pli bele. *P. Dac*

La Eŭropa unuiĝo estus preskaŭ farita, se la francoj restus ĉiun tagon po unu horo malplie en drinkejo kaj la germanoj po unu horo plie en lito. *J. Mistler*

La infero estas loko kie la kuiristo estas angla, la policisto germana, la garaĝisto araba kaj la amanto svisa. *TIME Magazine*

Dio kreis la viron, kaj ne opiniante lin sufiĉe sola, donis al li kunulinon por ke li pli bone sentu sian solecon. *P. Valery*

La virino estas, laŭ la Biblio, la lasta kreitaĵo de Dio. Li certe faris ŝin sabaton vespere. Oni bone sentas la lacecon. *A. Dumas*

Franco estas malbonhumora italo. *J. Cocteau*

Tio, kio probable ĉion falsigas en la vivo, estas ke oni konvinkiĝas, ke oni diras la veron, tial ke oni diras tion, kion oni pensas. *S. Guitry*

Ne, ne! Ne estu el tiuj, kiuj malamas. Prefere zorgu esti el tiuj, kiujn oni malamas. Vi estos en pli bona societo. *S. Guitry*

Oni inventis la morfinon, por ke la kuracistoj povu trankvile dormi. *S. Guitry*

Estas homoj, kiuj havas libraron, kiel eŭnukoj, kiuj havas haremon. *V. Hugo*

Libroj havas samajn malamikojn, kiel homoj : la fajro, la humido, la bestoj, la tempo... kaj siaj propraj enhavoj. *P. Valery*

*Esperantigis J. E.*





# RECENZO PRI POEZIO... SED PRETER LA POEZIO

*Rikardo Ŝulco*

Jam ofte mi skribis recenzojn, kaj preskaŭ ĉiufoje mi demandis al mi, kia devas esti bona recenzo. Al mi ŝajnas nepre necese, ke ĝi devas informi la legantojn tiel, ke ĉi tiuj estu kapablaj ekkoni, ĉu la libro interesos ilin aŭ ne, decidi, ĉu ili legos ĝin aŭ ne. Bona recenzo ankaŭ ne tute forgesu la eldoniston, kiu ja estas investinta sian monon en la entreprenon, kaj kiu rajtas sciiĝi, ĉu li sukcesis en la aranĝo de la libro aŭ ne. Se laste la recenzo ankaŭ helpas la aŭtoron distanciĝi de sia verko, ĝi plenumas verŝajne ĉion atendindan. Recenzon mem oni do devas recenzi ne nur laŭ tio, kio estas dirata en ĝi, sed ankaŭ, eble eĉ pli, laŭ tio, kio estas prisilentata.

En la recenzo pri VESPERO JAM FARIĜIS ("esperanto" 86/1 p.18) la recenzinto diras nenion pri la eksteraĵo de la libro, nenion pri ĝia kovrilo, pri la papero, pri la preso, koncize dirite pri ĝia, en ĉi tiu kazo, bibliofila aranĝo. Eĉ la sesdek desegnoj ŝajnas esti por li nuraj akcesoraĵoj. Por la „interplektitaj figuroj kaj vizaĝoj" li alian epiteton ne trovas ol „obsedaj". La ĉiam egala apudmetado de desegnoj kaj samformaj versaĵaj tekstoj, kiu ja donas al la libro ĝian apartan karakteron, por la recenzisto signifas evidente nenion.

Des pli grandan signifon havas por li la adasismoj. Kiam, jam je la fino de la antaŭa jarcento, Grabovskjo riproĉis al la poetoj la uzon de adasismoj, li certe havis siajn kialojn. La vortotrezoro de nia lingvo, do la rimebleco, estis ankoraŭ tre restrikta, la adasismoj svarmis kaj la sufiksoj estis pli ol hodiaŭ sentataj kiel memstaraj vortelementoj. Generacioj de Esperantistaj poetoj, pro timo antaŭ la kritiko, lasis sin terori kaj obeeme evitis la proskribitajn adasismojn. Estas mirige, ke la adasismofobio ankoraŭ fantomas en Esperantujo. Sed vere ridinde estas supozi, ke la aŭtoro de la priparolata libro ne povus rezigni ilin aŭ anstataŭigi la koncernajn robajojn per aliaj. Sed kial li faru tion? La recenzinto afable volu klarigi al li, kial la rimotrio „frateco, humaneco, stulteco" estas malpli belsona ol ekzemple „trudu, ludu, konkludu" aŭ „vinon, abstinon, karulinon". Kaj krome li diru, ĉu li eble preferas la tiel nomatajn parencajn rimojn, kiujn abunde indikas la RIMARO en la PARNASA GVIDLIBRO, ekzemple "tablo, graplo", "imago, stomako", "ĝirafo, avo", "kaĉo, fromaĝo", "kompaso, nazo", "paŝo, korsaĵo", "paro, salo", "tramo, elano". Kompare al ili, kiuj fuŝas la Esperantan fonetikon, la adasismoj estas nur malgranda peko, se entute peko ili estas. Oni ne demandu, ĉu adasismoj troviĝas en la tekstoj, oni demandu, ĉu ilia uzo ĝenas la koncernan poeziaĵon. Alian licencon, kiun la aŭtoroj de la PARNASA GVIDLIBRO grandanime ne nur toleras, sed eĉ rekomendas, nome la tiel nomatan gliton, la aŭtoro, ĉar ĝi ŝokas lian estetikan senton, eĉ ne unu fojon uzis.

Ne kalkulinte kvar ne tro gravajn preseraroјn, la cent okdek robajoj, kiujn reviziis tre spertaj Esperantistoj (Ludoviko Mimoo, Henriko Niŝvico kaj Hermano Bermano), konjekteble estas lingve senmankaj. Pri tio la recenzinto ne estas dirinta eĉ unu vorton. Ĉu li tion pro sia malamo al la adasismoj tute ne rimarkis?

La aŭtoro, kiu multe amas la robajojn de Omaro Kajamo (kio ne koncernas ties vivokoncepton), kaj kiujn li en la originalo ne scias legi, sed kiujn li supozas esti de granda beleco, ofte ĉagreniĝis pro ilia fuŝita apero en Esperanto. Li estas zorge evitinta kakofoniojn kiel ekzemple „El kiuj jam foriris laŭ l' longa vojostreko,..." aŭ devojiĝojn de la ritmo kiel ekzemple „Morgaŭ, kiam mi lasos kadukan ĉi gastejon". Tiajn malagrablajn teksterojn oni povus amasigi grandakvante. Nia literaturo estas plena de ili. Ili kutime restas same nerimarkitaj kiel en la recenzita libro la ĝusta lingvaĵo. Oni ja povas demandi: „Kien la poezio?" (Librotitolo de Brendon Clark: Rickmansworth 1957). Ŝajnas, kvazaŭ la lingvo mem, kiu fine estas la plej centra, la plej grava afero de la tuta Esperantismo, ne plu interesas.

Entute la recenzinto klopodis esti senpartia, justa, objektiva. Kio estas rezultinta, estas frosta, ne multon diranta, nekompleta prezentado.

Nu, tio multe ne gravas. Pri la poezio, kiu enestas kaj en la desegnoj kaj en la robajoj, li ne parolas. La esencon li do estas maltrafinta, tute ne menciinta. Poezio estas harmonio el enhavo kaj formo kaj sono. Per nur unu frazo Henriko Niŝvico estas pli trafe karakterizinta la robajojn ol la recenzinto en kolumnoduono. Li nome diras, ke la „lertaj esprimoriĉaj robajoj elparolas verojn kaj sentojn en neriproĉeble perfekta formo".

*R. Ŝ.*






# LEGAĴO

## JUNULINO SAVAS LA PRINCON

La skribisto Ana estas fama rakontisto, kiun faraonido Seti invitas veni en sian kortegon en la urbo Taniso. La du homoj rompas kune pokalon, kiu signifas, ke ili konsideros sin dum la tuta vivo kiel laŭspiritaj fratoj. Ana ekkonas la danĝerojn de la faraona kortego kaj ellernas, ke kiam oni tro rapide sukcesas fariĝi protektito de faraonido, oni tuj havas malamikojn. Li ĉiam sekvas Seti-n, kiel sekretario kaj sindonema amiko. La princo Seti ŝatis inkognite promenadi en la danĝeraj stratoj de Taniso. Dum tia promenado li ekkonas la junulinon hebrean Merapi-n. Seti ne plu kapablas forgesi la junulinon kaj renkontas ŝin en la dezerto, kie loĝas la hebreoj, sed antaŭ forveturado, li senintence sakrilegias en hebrea templo. La fianĉo de Merapi elprofitas tion por embuske mortigi lin. Tiam Merapi decidas savi la princon egiptan. „LUNO DE IZRAEL" estas la titolo de libro elĉerpita, verkita de Sir H. Rider Haggard kaj esperantigita de Edward S. Payson kaj Montagu C. Butler, eldonita en Londono en 1928a. En LG-5 kaj LG-7 vi jam povis legi du legaĵojn elprenitajn el ĉi tiu nun ne plu aĉetebla libro.

* * *

*Kiam ni atingis ĝis duonĵeto de lanco for de la kurbo, subite mi aŭdis sonon, kaj per ekrigardo dekstren mi vidis virinon saltanta malsupren al ni laŭ la monta flanko. La ĉaristo ankaŭ ŝin vidis kaj haltigis la ĉevalojn, kaj la du kuristogvardianoj sin turnis kaj eltiris la glavojn. Post kelkaj sekundoj la virino nin atingis, venante el la ombro tiel, ke la luno falis sur ŝian vizaĝon.*



*— Merapi! — ekkriis la princo kaj mi, parolante kvazaŭ samspire. Merapi ja, sed en stato kompatinda. Ŝiaj longaj haroj malligiĝis kaj falis ĉirkaŭ ŝi, ŝia mantelo estis ŝirita, ŝiaj lipoj kovriĝis de sango kaj ŝaŭmo. Pro manko de spiro ŝi ne povis paroli, sed staris spireganta, kaj sin apogis per unu mano al la flanko de la ĉaro, dum per la alia ŝi montris al la kurbo en la vojo. Fine venis vorto, nur unu. Ĝi estis*

*— Murdo!*

*— Ŝi volas diri, ke oni murdos ŝin, — diris la princo al mi.*

*— Ne, — ŝi spiregis — Vin — vin. La Hebreoj. Reiru!*

*— Turnu la ĉevalojn! — mi kriis al la ĉaristo.*

*Helpate de la du soldatoj, li komencis obei; sed pro la mallarĝeco de la vojo kaj la kruteco de la bordoj tio ne estas facila. Efektive la ĉevaloj faris nur duonon de sia rondiro, tiel barante la vojeton ambaŭflanke, kiam sovaĝa kriego „Izrael" fendis la aeron, kaj de ĉirkaŭ la kurbo alkuris hordo da sovaĝaj, hoknazaj viroj, svingante tranĉilojn kaj glavojn. Apenaŭ estis tempo salti post la ĉaron por ŝirmo kaj nin pretigi, kiam ili nin atakis.*

*— Aŭskultu, — mi diris al la ĉaristo dum ili proksimiĝis.*



*— Kuru rapide, kiel neniam antaŭe, kaj venigu la gvardion post ni.*

*Tuj li forkuris kiel sago.*

*— Flanken, sinjorino, — ekkriis Seti. — Tio ne estas laboro por virino. Kaj vidu, jen venas Laban por vin serĉi, — kaj li montris per sia glavo al la estro de la atakantoj.*

*Ŝi obeis, ŝanceliĝante al ŝtonego laŭ la vojflanko, post kiu ŝi kaŭris. Poste ŝi diris al mi, ke ŝi ne havis forton iri plu; kaj efektive ne volis: ĉar se oni mortigus nin, estus pli bone, ke ŝi mem, kiu nin avertis, mortu kun ni.*

*Jam ili atakis nin, la tuta anaro, tridek aŭ kvardek viroj. La unueveninto pikvundis la timigitajn ĉevalojn, kiuj falis kun li baraktante. Sur la ĉaron saltis la Hebreoj, provante nin atingi, kaj ni batalis laŭeble, forŝirinte niajn mantelojn kaj ĵetante ilin sur la maldekstran brakon kiel ŝildojn.*

*Ha! kia batalo estis tio! Sur ebenaĵo, aŭ se ni ne estus avertitaj, ni estus tuj mortigitaj; sed nun la loko mem kaj la ĉara barilo nin helpis. Tiel mallarĝa estis la vojo, kies muroj estis tro krutaj por surrampi, ke nur kvar Hebreoj povis frapi nin samtempe, kaj tiuj devis unue surgrimpi aŭ la ĉaron aŭ la ĉevalojn ankoraŭ vivantajn. Sed ni ankaŭ estis kvar, el kiuj, dank'al Userti, du portis kirasojn sub*

# NIA LERNEJO




*la roboj – kvar fortaj viroj batalantaj por la vivo. Kontraŭ nin venis kvar Hebreoj. Unu saltis de la ĉaro rekte je Seti, kiu ricevis lin sur la pinton de sia fera glavo – tiu fama glavo kiu nun kuŝas kun li en la tombo, kaj mi aŭdis ĝian tenilon tinti kontraŭ lian brustoston. Li falis mortinta, kaj lia peza korpo frapis la princon surteren.*

*La Hebreo kiu atakis min kroĉis sian piedon en la timono de la ĉaro kaj falis antaŭen, do mi mortigis lin facile per bato sur la kapon, kaj havis tempon restarigi la princon antaŭ ol sekvis alia. Ankaŭ la du gvardianoj, ambaŭ fortuloj, mortigis aŭ morte vundis siajn kontraŭulojn. Sed aliaj Hebreoj sekvis de malantaŭe tiel preme kaj rapide, ke mi ne povis vidi ĉion, kio poste okazis.*

*Unu gvardiano falis, frapite de Laban. Piko ĉe la brusto preskaŭ faligis min, kaj nur la kiraso min savis. La alia gvardiano mortigis mian atakinton, kaj tiam li mem estis mortigita de du Hebreoj, kiuj atakis lin samtempe.*

*Nun restis nur la princo kaj mi, batalantaj dorson ĉe dorso. Li frapis unu viron tre grandan, kaj vundis lin je la mano, tiel ke li lasis fali sian glavon. La viro premis lin ĉirkaŭ la talio, kaj ili ruliĝadis sur la tero. Laban aperis kaj pikis la princon je la dorso, sed lia kurba tranĉilo rompiĝis kontraŭ la Siria kiraso. Mi frapis lin kaj vundis lian kapon, kio preskaŭ senkonsciigis lin, kaj li ŝanceliĝis posten kaj forfalis de la ĉaro. Tiam aliaj kuregis kontraŭ mi, kaj sen la kiraso mi estus mortinta almenaŭ tri fojojn. Batalante furioze, mi ŝanceliĝis kontraŭ rokon, kaj vidis, ke Seti, jam vundite de Laban, nun kuŝas sub la granda Hebreo,*



*kiu kaptis lin je la kolo kaj lin sufokas.*

*Ankaŭ alion mi vidis – virinon, kiu per ambaŭ manoj tenas glavon kaj frapegas malsupren, tiel ke la Hebreo malkaptas la gorĝon de Seti.*

*– Perfidulino! – kriis iu, ŝin frapante; kaj ŝi duonfalis vundite.*

*Tiam, kiam ĉio ŝajnis finita, kaj sub la pluvego da batoj mi ekperdis la konscion, mi aŭdis la tondron de hufoj kaj la krion „Seti! Seti!" el la gorĝo de soldatoj. La brilo de bronzo fulmis antaŭ miaj okuloj, kaj kun la muĝo de batalo enorele mi ŝajne ekdormis, ĝuste kiam formortis la taglumo.*

## LA GRAMATIK[L]A PUNKTO

### LA SUBSTANTIVA VORTO

La substantiva vorto nomas konkretan aŭ abstraktan eston : **domo** – **ideo.**

Ekzistas primitivaj substantivoj, kiuj estas la unuaj vortoj de la familioj formiĝantaj elde radikoj pro ties signifoj : **frato** – **ĉevalo** – **kastelo** – **idealo...**

kaj derivitaj substantivoj, kiuj formiĝas elde radikoj kun alispecaj signifoj ĉu adjektivaj : **belo** aŭ verbaj : **ago** aŭ adverbaj : **morgaŭo** aŭ prepoziciaj : **ekstero** aŭ numeralaj : **unuo** aŭ afiksaj : **geo-aĵo** – kiuj formiĝas eĉ elde dirmanieroj kun kutimaj signifoj : **antaŭtagmezo.**

EL LA FUNDAMENTO REGULO § 2 : La substantivoj havas la finiĝon **O**. Por la formado de la multenombro oni aldonas la finiĝon **J**. Kazoj ekzistas nur du : nominativo kaj akuzativo; la lasta estas ricevata el la nominativo per la aldono de la finiĝo **N**. La ceteraj kazoj estas esprimataj per helpo de prepozicioj (la genitivo per **DE**, la dativo per **AL**, la ablativo per **PER** aŭ aliaj prepozicioj laŭ la senco).

L A   O   V O R T O   S I G N A S

| *konkretaĵon* | | | *aŭ* | *abstraktaĵon* |
|---|---|---|---|---|
| ***senvivan*** | ***aŭ*** | ***vivan*** | | |
| *objekto* | | *homo* | | *principo* |
| *bel(aĵ)o* | | *bel(ul)o* | | *bel(ec)o* |
| ***rezultan*** | ***aŭ*** | ***rimedan*** | ***aŭ*** | ***agan*** |
| *konstru(aĵ)o* | | *ŝovel(il)o* | | *konstru(ad)o* |
| *dom(et)o* | | *pioĉo* | | *aranĝo* |
| *dom(eg)o* | | *instrumento* | | *faro* |

Principe (kaj aparte en versoj) la O-finaĵo implicas la signifoj de **aĵo** aŭ **ulo**, **eco** aŭ **ado**; sed ĉiufoje kiam necesas bone distingi la signifojn, estas preferinde precizigi per la sufiksoj, precipe se la kunteksto ne ebligas malkonfuzi la sencojn.

E K Z E R C O : (Analizi la signifojn de la substantivoj) 1) Filozofo pristudas la bonon. 2) Malbonon[z] oni memori ne ĉesas,[z] bonon oni baldaŭ forgesas[z] 3) Ĉia dono estas bono[z]. 4) Kia grandioza panoramo! Kia belo[z]! 5) Mia kara, mia belo estis brava juna Dano[z]. 6) La malsupra parto[z] de la konstruo estas okupata de la loĝantoj[z]. 7) La konstruo de fervojoj daŭris multajn jarojn.

S O L V O : 1) Filozofo (ulo); la bono (abstrakta idealo). 2) Malbonan (agon); bonan (agon). 3) don(aĵ)o; bon(aĵ)o. 4) panoramo (vidaĵo); bel(ec)o. 5) bel(ul)o; Dano (ulo). 6) konstru(aĵ)o; loĝantoj (uloj). 7) konstru(ad)o; fervojoj (aĵo); jarojn (abstrakto).

J. T.

# FIKOMERCO

-Mi tir'ig'is la vetur'il'o'n ĝis la garaĝo kaj mi pet'is, ke ili ripar'u ĝin antaŭ la nokt'o.

-Sed vi ja dir'is, ke la pec'o'n ili ne hav'is.

-En Afrik'o oni ĉiam pov'as el'turn'iĝ'i se oni bon'vol'as fi'komer-c'i. Mi promes'is 100000[1] Mali'a'j'n frank'o'j'n al la ripar'ist'o, se li tro-v'us solv'o'n al la problem'o. Li dir'is, ke li bezon'as la du'obl'o'n. Fin'fin'e ni al'ven'is al 180000[2] frank'o'j post du hor'o'j da marĉand'ad'o kaj te'o'-trink'ad'o.

-Ĉu vi hav'is tiom da mon'o kun vi?

-Kompren'ebl'e jes, ĉar oni ĉiam hav'as rezerv'o'mon'o'n, kiun oni ne dev'as el'spez'i, ĉar ĝi util'as se oni dev'as abandon'i la vetur'il'o'n. Do mi ne vol'is ek'uz'i ĝin.

-Kiel vi el'turn'iĝ'is?

-Fi'komerc'ant'e. Mi pov'is doni al la garaĝ'ist'o 100000 Mali'a'j'n frank'o'j'n kaj mi vend'is al li fot'aparat'o'n por la rest'ant'a'j'n 80000[3]. Tiun ĉi aparat'o'n mi celer'e kunpren'is tiu'cel'e. Ĝi est'is aĉet'it'a en Eŭrop'o por 100[4] franc'a'j frank'o'j. Se oni scipov'as la fi'komerc'ad'o'n, ĝi'a valor'o pov'as mult'obl'iĝ'i. La fakt'o est'as, ke la garaĝ'ist'o ĝoj'e akcept'is ĝi'n kiel pag'o'n kaj cert'e ne perd'is mon'o'n revend'ant'e ĝin.

(DAŬRIGOTA) *Edgar.*

1= 145 ekuoj
2= 261 ekuoj
3= 116 ekuoj
4= 15 ekuoj

